# Nederlanda Katoliko

*Maandblad van de Nederlandse Bond van Katholieke Esperantisten „NEDERLANDA KATOLIKO", gevestigd te 's-Hertogenbosch*

Opgericht 29 Augustus 1909
Bisschoppelijk en Koninklijk goedgekeurd

Redactie: A. F. Leideritz Jr., Vechtstraat 5, Amsterdam-Z.
Vaste medewerkers: J. S. Jansen, Amsterdam en Dr W. J. A. Manders, Venlo

## AAN ALLE LEDEN VAN NEDERLANDA KATOLIKO

Het bestuur heeft de motie, zoals afgedrukt in het Mei-nummer van Nederlanda Katoliko, aanvaard en de mogelijkheden onderzocht. Het onder 1 genoemde, namelijk samenwerking met „Flandra Ligo Esperantista" en „La Estonto Estas Nia" ten aanzien van het orgaan is inderdaad mogelijk, maar biedt aan „Nederlanda Katoliko" geen noemenswaardig voordeel. Het bestuur acht dit niet voldoende om daarop een samenwerking aan te gaan.
Het onder 3 genoemde, namelijk eventuele samenwerking op ander terrein, is onderzocht op 25 Juni j.l. in een vergadering te Amsterdam, waartoe de besturen van alle in Nederland bestaande Esperanto-organisaties en -instanties waren uitgenodigd. Hierbij is gebleken, dat de bestaande organisaties zodanig wortelen in een verschillende levensbeschouwing, dat één worden en onderbrengen in één „neutrale vereniging" onmogelijk is. Verdere nauwe samenwerking zal veel afhangen van de geestesgesteldheid der bestuurderen van de bonden. Via het N.C.K.E. zullen alsnog de mogelijkheden worden onderzocht en zo mogelijk benut.

Op zijn laatste bestuursvergadering heeft het bestuur van Nederlanda Katoliko dit alles besproken.

29e JAARGANG JULI/AUG. 1949 No. 6 (320)

Als resultante van deze besprekingen bleek, dat:

1. voortgaande op de tegenwoordige voet Nederlanda Katoliko steeds meer en meer achteruit zal gaan;

2. fusie van ons blad met „Flandra Ligo Esperantista" en „La Estonto Estas Nia", zoals hierboven reeds vermeld, niet voldoende aannemelijk is;

3. door een aannemelijke offerte van de drukker het mogelijk is om in de plaats van het orgaan van „Nederlanda Katoliko" het blad „Espero Katolika" aan de leden van Nederlanda Katoliko te verstrekken in een omvang van acht pagina's, tien maal per jaar, vroegere afmetingen en zelfde papier. De eigen mededelingen voor de leden van „Nederlanda Katoliko" verschijnen dan in het káder van „Espero Katolika". Door deze wijze van uitgave en mede door de verzending naar het buitenland is de regelmatige verschijning van „Espero Katolika" voor ruim een jaar gewaarborgd. Verschillende bestuursleden brachten de door feiten gestaafde mening naar voren, dat deze gang van zaken reeds tientallen jaren door vele leden van de bond werd gewenst. Het bestuur beveelt daarom dit voorstel unaniem zeer warm aan.

Bij aanvaarding van dit voorstel ligt het in de bedoeling, reeds op 1 October a.s. „Espero Katolika" te doen herrijzen.
Indien vóór 1 September a.s. bij het bestuur **niet** een overwegend aantal bezwaren hiertegen zijn ingediend, houdt het bestuur zich voor gemachtigd het voorstel uit te voeren.

L. G. C. DE JONG, voorzitter
M. T. AERDTS, secretaris
Geraniumstraat 7 - Eindhoven

## KOREKTADO

En la raporto pri la jarkunveno de N.K. (II) en numero 5 de Junio pasinta, oni post „estis elektataj" en la mezo de paĝo 40a legu: Frato Ferdinandus el Alkmaar, S-ro Jordans el Bergen

op Zoom kaj s-ro Cooleghem el Den Bosch. Pro la kaŭzo, ke Frato Ferdinandus rifuzis la estraro elektis s-ron P. Verbeek el Hago.

## NOVAJOJ

Sta. Willibrordo en Heiloo grandigis niajn rangojn. Estu bonvena! Hilversum kaj Zaandam aspiras la samon. Ne hezitu! Eniru! Ankaŭ elkore bonvenaj.

## MEMORIGO

Ĉu vi jam varbis familian anon?

## WIJ GAAN NAAR ROME!

Wie gaat er mee? Gaven zich reeds op:
De heer en mevrouw de Jong, Stationsstraat A 279, Vleuten.
De heer Aerdts, Geraniumstraat 7, Eindhoven.
W. J. A. van Oorschot, van Heemskerkstraat 30, Amsterdam.
Mejuffrouw L. Terra, Ouderkerkerlaan 39, Amstelveen.
A. Beijer, Voorthuizenstraat 210, Den Haag.
R. C. S. Vermeulen, Spionkopstraat 68, Haarlem.
P. M. Portegies, Koningin Emmalaan 20, Leerdam.
Mejuffrouw E. P. Smit, Toussaintstraat 10, Alkmaar.
Mejuffrouw Wagenaar plus huisgenote, Alkmaar.
Wie volgt!

## SKRIBA KURSO DE NEDERLANDA KATOLIKO

Direktu vin al s-ro Withoos, Venkelstraat 15, Eindhoven.

*

## LA SEKRETO

### Moderna fabelo de Godfried Bomans

Estis iam tri koboldoj. Ili vivis kune en kaveto sub grandaĝa kaŝtanujo. Tre intimis tie. Troviĝis tie kanapo, tiktak-horloĝo, forneto por kuiri, tablo, kaj tri seĝetoj por sidi. En flankĉambreto staris tri litoj, grandaj kiel cigarkestetoj, kaj tri nokto-

ŝranketoj, grandaj kiel alumetujoj. Ili havis ankaŭ ĝardeneton, en kiu ili kulturis leontodojn kaj lekantetojn, kaj ankaŭ pikeman kakton. La gruzo sur la vojetoj hajloblankis, kaj multe pli delikatis ol ordinara gruzo. Ankaŭ la leontodoj kaj lekantetoj multe pli malgrandis ol ĉie en la mondo, kaj en la kokinejo loĝis tre malgrandaj kokinoj, kiuj produktis ovojn, grandajn kiel vitraj globetoj. Ili havis ankaŭ etkokinojn, sed ties ovojn homo ne povis vidi. Nur koboldo povis diri: denove etovo estis produktata.

La plej juna koboldo, nomata Johano, prizorgis la ĝardenon. Li rastis la gruzon, deŝiris la florojn, kaj disŝutis la grenon por la kokinoj. Li kolektis ankaŭ la ovojn en korbeton, kaj kiam kaŝtano iam falis sur la kokinejon, li ĉarpentfermis la truon, kaj pecsegis la kaŝtanon. Li estis la plej brava el la triopo.

La dua nomiĝis Joĉjo. Joĉjo balapurigis la domon, kaj bakis patkukojn sur la forneto. Kelkfoje, okaze de ies naskiĝtago, li faris gripudingon. Ion alian li ne kapablis, sed la koboldoj tre kontentis.

La tria faris nenion. Li estis la plej grandaĝa kaj fumadis cigaretojn sur la kanapo. Kelkfoje li voĉlegis el la libro. La libro titoliĝis: „Admonoj por enamiĝintoj", kaj Johano iam trovis ĝin en oktobra tago. Li tuj komprenis, ke ĝi enhavas gravajn aferojn, kaj ĉiuvespere ili aŭskultis la plej grandaĝan koboldon, kiu voĉlegis paĝojn el ĝi. Fine ili konis ĝin parkere, sed ili nur ne povis kompreni, kio estas enamiĝinto. Joĉjo pensis, ke ĝi estas io kuirenda, kaj Johano pensis, ke ĝi estas io enterigenda. Sed la plej grandaĝa diris, ke tro malfacilas kompreni ĝin. Oni ne ŝatu kompreni ĉion, li diris. Tiel ili pluvivis feliĉaj kaj kontentaj.

Iun vesperon, kiam ili ree legis el la libro, io frapetis la fenestron.

„Jes?" kriis la plej grandaĝa koboldo.

„Mi estas devojiĝinta!" aŭdiĝis voĉo, sonanta kiel sonorilo.

La plej grandaĝa koboldo metis sian barbon inter la paĝojn, ĉe kiuj li haltis, kaj diris: „Johano vicas iri eksteren." Kaj Johano lumigis sian lanterneton kaj iris eksteren.

„Mi tuj revenos," li diris.

Sed li ne revenis. Iĝis la naŭa horo. Iĝis la deka horo. Kaj kiam ree horo estis pasinta, sonis la dekunua. La du aliaj koboldoj tre maltrankviliĝis. „Eble glano falis sur lian kapon,"

diris la unua. „Eble li koliziis kontraŭ trunketo," diris la alia. Tiam ili silentis kaj atendis.
Fine Johano revenis. Liaj okuloj brilis. Sed li silentis kaj diris nenion.
Ĉio ŝanĝiĝis nun. Al la kokinoj mankis la prizorgo, la leontodoj superkreskis la fenestron, kaj la kakto grandiĝis tiom, ke mallumis en la ĉambro.
„Li malsanas," diris la plej grandaĝa koboldo. „Vi do kolektu la ovojn. Mi rastos la gruzon kaj deŝiros la florojn. La malsano foriĝos."
Sed la malsano ne foriĝis. Ĉiam pli ofte Johano forrestis, kaj finfine li ne plu revenis. Ili lasis lian seĝeton staranta, kaj ĉiutage, ili metis lian telereton sur la tablo. Sed li estis for. Kaj li restis for. Kaj la plej grandaĝa koboldo ĉiuvespere voĉlegis el la libro, kiun ili konis parkere. Sed la hejma sfero ne estis kia iam. Kaj la plej grandaĝa koboldo malsaniĝis. Unu semajnon antaŭ Kristnasko li mortiĝis. Joĉjo enterigis lin en la ĝardeno, kaj restis sola en la domo. Li bakis, balais, rastis, kaj legis el la libro, kiun li konis parkere. Sed li ne fartis kiel antaŭe. Kaj ankaŭ li malsaniĝis. Kaj ankaŭ li mortiĝis.
Tiam la domo dezertis. La libro kuŝis nefermita sur la tablo, kaj la araneoj ŝpinis sian araneaĵon super la tri teleretojn. La tri litetoj staris en la flankĉambreto, kaj la horloĝo tiktakis kaj sonigis la horojn, la semajnojn, kaj la monatojn. Kaj kiam multaj monatoj estis pasintaj, la plej juna koboldo revenis. Li vokis tra la domo kaj manbatis. Sed neniu respondonto plu ĉeestis. Tiam li ekloĝis kun sia edzino kaj sia infaneto en la domon. Ili manĝis el la tri teleretoj, kaj ili dormis en la tri litetoj. Kaj ĉiuvespere la koboldo rakontis, kia sfero regis antaŭe. — Sed el la libro li ne plu legis; tion ja li konis parkere.

Trad. F. WINKEL

## Oficejo „Esperanto ĉe la instruado"

**C. Krusemanstraat 43, Amsterdam - Zuid**

Laŭ ricevitaj informoj, kies kompletecon mi bedaŭrinde ne povas garantii, Esperanto estas instruata en nia lando dum la lerneja

jaro 1948—1949 en 23 (27) lokoj en 31 (32) diversaj lernejoj. El la lastaj estas 16 publikaj, 5 katolikaj, 4 protestantaj, 1 neŭtrala; krome 3 porinstruistaj semenarioj regnaj, 1 mezgrada ĝardenkultura lernejo regna kaj katolika blindulinstituto. La instruo okazas preskaŭ ĉie post la ordinaraj horoj, nur escept-okaze ĝi estas oficiala kaj deviga. Ĝi estas donata de profesiaj geinstruistoj, nur en une loko de neprofesiulo. Jen diferenco kun la jaro 1938—1939, kiam ofte neprofesiuloj instruis Esperanton en kursoj por lernejaj infanoj.
La supraj kaj malsupraj nombroj interkrampaj rilatas tiun antaŭmilitan jaron.
Entute ricevas nun 269 (138) knabinoj kaj 353 (169) knaboj E.-instuon, do 622 (307) geknaboj. La aĝoj varias inter 10 kaj 20 jaroj.

P. W. BAAS. prezidanto

## SOCIALISTA PROBLEMATIKO

Antaŭ kelkaj semajnoj nia nederlanda laboristaro spertis strangan okazon dum la internacia laborkonferenco en Genève: unu el niaj delegitoj kritikis kelkajn ordonajn regulojn de nia katolika episkoparo, kaj nomis ilin „netolerebla sinenmikso sur fakmovada tereno". Kelkajn tagojn poste, okaze de la solena jubile-festo de la kristana laborista movado, nia ministro-prezidanto denove parolis pri tiu ĉi temo, asertante ke jam delonge prezentiĝas la demando, ĉu „la fakmovado devas baziĝi sur konfesionala fundamento aŭ ne". Ege rimarkindas, ke kaj la katolika laborista movado mem kaj la katolikaj gazetoj akceptis tiun ĉi falsan problemon, kaj ne akre protestis kontraŭ ĉi-maniera problemprezento. Ŝatante laŭvalore taksi tiun ĉi aferon, ni ja pripensu, ke io alia apenaŭ pli danĝeras kaj malutilas, ol ĝuste tiu ĉi senkonscia akcepto de false kreitaj problemoj. Pri kio do temas nia disputo?
Ankoraŭ ĉiam ni luktas kontraŭ la stranga, liberalepoka terminaro, kiun plejparte la tiama kaj nuna socialistaroj akceptis, kaj en kiu ni kutimas renkonti la terminojn „libereco", „neŭtrala" kaj „unueco". **La socialismo laŭnature kaj -karaktere naskiĝis el la liberalismo, nur diferencante de ĝi pro sia koncepto pri la interrilato inter „ŝtato" kaj „individuo".** Laŭ orto-

doksa socialista vidpunkto la individuo estas **esence nur parto de la ŝtata korpo,** kiun oni **false** komparas kun **videbla, homa korpo.** Sekve de la teruraj konsekvencoj de tiu ĉi kolektivista koncepto (ekz. la nazismo), laŭ kiu **la individuo nur havas rajtojn, ĉar li kiel parto ricevas ilin el la manoj de la ŝtato,** do ne pro sia propra, memstara personeco, sed pro sia parteco de la ŝtata korpo, la nunaj socialistoj iom plidelikatigis tiun ĉi krudan teorion, akceptante la nomon de t.n. „personalista socialismo", kaj rekonante la memstaran, homan personecon kiel bazon de la propraĵo-juro.

La liberaloj rezonis laŭ kontraŭa vidpunkto, asertante, ke **la ŝtato ne estas vere ekzistanta estaĵo, sed nur jura ligilo,** do la produktaĵo de homa interkonsento; **nur la individuo estas vera memstaraĵo,** kun propraj juroj.

Kompreneble, el tiuj ĉi konceptoj sekvas multaj konsekvencoj rilate aliajn problemojn, sed, naskiĝinte dum la sama epoko en la sama materialista homaro, ambaŭ sistemoj ĝenerale montras la samajn trajtojn, kun la samaj terminoj. En la antaŭa jarcento, en la materialista florepoko, la religio estis „superflua" kaj „nenormala". Nur kio videblis, ekzistis; kio ne videblis, ekz. la spirito, ne ekzistis. Ĉio, kion ĉiu homo povis vidi, estis normala, kaj .... neŭtrala, ĉar „ĝi ne apartenis al certa vivkoncepto". Ankaŭ nun kaj liberaloj kaj socialistoj asertas ĉi tion, kvankam ne tiel aplombe kiel iam, ĉar precipe dum la lastaj jardekoj ĉiam pli evidentiĝis, ke la valoroj de „ĉio videbla" laŭ la diversaj vivkonceptoj tre diferencas kaj ankaŭ tre gravas rilate la **praktikan** vivon.

Ĉiu fakmovado ja celas atingi **ne nur, ke ĝiaj anoj gajnos pli da mono, sed precipe ankaŭ, ke ili estos edukataj rilate problemojn ĉirkaŭ la fakmovado, kaj certamaniere konsideros kaj konceptos certajn komprenaĵojn, kiel ekz. „laboro", kapitalo", „kapitalisto", ktp.** En la lastaj jardekoj ni vidis, ke **ĉiam la „neŭtrala", nederlanda fakmovado konfesis la plene socialistan kredon, kaj neniam eĉ klopodis vere neŭtraliĝi.** La socialistoj plene rajtas hipokriti sian neŭtralecon, kaj propagi sian vivkoncepton pri „laboro", ktp. Kiel la „normalan", „por ĉiu homo neŭtralan" vivkoncepton. Sed ili bone pripensu, ke **la katolikaj laboristoj siaflanke plene rajtas propagi sian vivkoncepton kiel la „normalan", „por ĉiu homo taŭgan" vivkoncepton, kaj rifuzi la „konfesionalan", socialistan fakmovadon, kiel nenor-**

**malan kaj neneŭtralan.** Certasence **ĉiu vivkoncepto** estas **konfesionala,** sin ligante al **certa kredo** kaj **certaj postulatoj,** kvankam eble ne religiaj. Aŭ ĉu eble la socialista kredo pli bone „pruveblas"? Sendube ne! La plimulto el la nunaj, famkonataj ekonomiistoj (eble ciuj!) rifuzas la ridindajn argumentojn de Karl Marx rilate liajn teoriojn. Kial do ni ne parolus pri **la socialista kredo** kaj **la konfesionala, socialista fakmovado?**
Ni do konkludas, ke la **problemo de nia ministro-prezidanto ekzistas nur en lia cerbo, ne en la nia;** kaj plue, ke tiu ĉi **problemo** estas bela **specimeno** de **socialista** (aŭ „neŭtrala"?) **problematiko.**
**Nia tuta fakmovadaro baziĝas sur „konfesionala" fundamento!**

F. WINKEL, jur. cand.

## LA INSPEKTADO

En la kazernaj ĉambregoj pendas peza minaco: la kapitano Lot venos por inspektado. La serĝento Dekkers rondiras kaj atente rigardas ĉu en lia sekcio ĉio estas en ordo. Tamen en ĉiuj neuzataj ŝuoj mankas la laĉoj, la „ŝurimenoj": ĉiu soldato ricevis du parojn da ŝuoj sed nur unu paron da laĉoj, kiun ili kompreneble havas en la ŝuoj al siaj piedoj. Ĉar neniu ŝuo rajtas esti sen laĉo kaj Lot estas severega, ili devas zorgi ke ĉio estu en ordo, do ĉiuj kuras al la kantino por aĉeti laĉojn, sed la stoko montriĝas elĉerpita. La unua parto de la inspektado jam okazis en la korto de la kazerno, dum kiu multaj punoj estas disdonitaj.

Ni disiras. Al la ĉambregoj por la dua akto.
„Nu, ĉu mi ne estas prava?" demandas al mi Tang, „ĉu li ne estas unuaklassa ĥolerulo? Kaj kiom multe da paroloj la kanajlo direktis al vi, ĉu ne? La kaŭzo de tio estas, ke li timegas homojn klerajn."
„Nu," mi diras ankoraŭ venĝema, „li ne trafus en mi ŝafidon. Sed mi jam antaŭ longe eltrovis, kiel oni devas trompi lin."
Kaj jena montriĝas la ĝenerala opinio: mi, kun mia seka mieno, trompis Lot. Kvankam mi demandas al mi, **kiel** mi fakte faris tion, — mi tamen ne kontraŭdiras tiun opinion.

En unu duono de la ĉambrego okazas la antaŭlita inspektado — en duono nia ni provizore ĝuas „liberan moviĝadon", sed paroli estas malpermesite.
Kaj tiel ni aŭdas la verdiktojn falantaj en la alia duono. La manko de ŝurimenoj evidentiĝas tie granda krimo. Iu sola tamen defendas sin: ke li hodiaŭ matene provis aĉeti ilin en la kantino .... „Hodiaŭ matene?" demandas Lot indigne. „Do vi pripensis nur hodiaŭ matene, ke okazos inspektado?"
Serĝento Dekkers kun heroa kuraĝo faras klopodon senkulpigi lin.
„Parte tio ja estas senkulpigebla, kapitano. Se en la kantino ŝurimenoj akireblus, la viroj havus ...."
„Tion mi jam konsideras, serĝento, dankon. Se ne, mi punus pli severe ol per unufoja reteno de dimanĉa forpermeso. Fakte tio ne estas puno, ĉu ne: ĝi estas nur reteno de favoraĵo."
„De fèvorèĵo," li fakte diras, afekte.
Fariĝas kliŝo: „Ha, ankaŭ vi ne havas ŝurimenojn? Vi ne ricevos dimanĉan forpermeson. Ĉefserĝento, bonvolu noti."
Mi antaŭvidas la neeviteblon: hodiaŭ posttagmeze mi ne iros hejmen ....
Kaj subite mi vidas eliron: kontraŭ Lot ekzistas nur unu defendo: trompi lin. Kaj tion mi klopodos grandriske. Do prosperi aŭ perei ....
Mi eksidas sur la seĝon en mia interlita vojeto, kaj prenas la laĉojn el la ŝuoj, kiujn mi surhavas. Neniu vidas tion. Mi ekstaras kaj kvazaŭŝanĝas ion en mia surlita ekspozicio. Poste mi urĝe laĉas la laĉojn en la ŝuojn starantajn sur siaj saketoj sur la piedparto. Mi tremas, sed ankoraŭ iom ordigas mian elmontraĵon, metas la ĉemizojn iom pli ĝustaj, tiras la ruĝan strion de miaj litkovriloj iom pli rekta.
Jen li estas.
„Antaŭ la litojn!"
Senmove mi staras en la militista teniĝo, kaj sentas miajn ŝuojn nelaĉitaj. Kvankam mia pantalono kovras ilin, sufiĉas nur unu momento da suspekto, nur eta levo de miaj pantalontuboj fare de la fingroj de Lot, por ke mi ricevu la plej pezan punon el la tuta ĉambrego.
Kun klare videbla plaĉo Lot vagigas sian rigardon sur mia ekspozicio. Kiam li mallevas la rigardon al la ŝuoj sur la piedparto de la lito, mi ruĝiĝas.

„Ĉefserĝento!" vokas Lot. La ĉefserĝento alrapidas kun sia libreto. Senvorte Lot montras al la ŝurimenoj. „La instruisto," li diras. „Jes kapitano, Van Santen," diras ĉefserĝento.
„Ĉi tiu viro ricevos ekstran favoraĵon: jam tuj post la lunĉo li povos foriri por sia dimanĉa forpermeso," proklamas Lot laŭte.

El: La nevenkebla Ĝeno, de Theo Thijssen.
Havebla ĉe la Libroservo.
319 paĝoj, bindita *f* 4.90.

# Pri la uzado de la refleksiva pronomo en Esperanto.

## II.

La refleksivo **anstataŭas** aŭ **rilatas** la **subjekton** de la **plej proksime** esprimita ago.
Tio ĉi estas la plej distinga karaktero de la Esperanta refleksivo. En la aliaj lingvoj, oni ĝenerale konsideras, kiel indikilon por la uzo aŭ neuzo de la refleksivo, la subjekton de la koncerna propozicio aŭ eĉ de la frazo. En Esperanto oni atentas nur la subjekton de tiu ago, kiun plej rekte koncernas la refleksivo. Nu, la agon povas esprimi plej diversaj vortoj: ĉiu el tiaj vortoj fariĝas centro, ĉirkaŭ kiu stariĝas rilatoj postulantaj aŭ ne la refleksivon.
Kompreneble povas okazi, ke en propozicio estas nur unu vorto esprimanta agon (ĝi tiam estas devige la predikata verbo); en tiu okazo la refleksivo rilatas tre simple al la propozicia subjekto: **timulo tiam eĉ sian propran ombron, Zamenhof; ili sin ĵetis sin nur min, Zamenhof.**
Sed tre ofte en unu propozicio enestas, krom la predikata verbo, ankaŭ aliaj vortoj esprimantaj agon (participo, infinitivo, substantivo, adjektivo, adverbo). Tiam oni povas konsideri, laŭ la vidpunkto de la refleksivo, ke la propozicio dismembriĝas en tiom da **fakoj** kiom estas da ag-vortoj; kaj nur interne de tiuj fakoj funkcias la regulo de la subjekta rilateco de la refleksivo. Ni konsideru ekz-e kelkajn frazojn, kaj apartigu tiujn fakojn per streketoj:

la mastro de Ezopo lin sendis al la kampoj / por forigi de si objekton tiel malĉarman (la subjekto de **forigi** estas la mastro; do: for de si!);
la mastro de Ezopo lin sendis al la kampoj / alporti al li la farmopagon (la subjekto de **alporti** estas Ezopo; do: al **li**!);
se al iu homo Dio donis riĉecon kaj donis al li la povon / ĝui plezuron de ĉiuj siaj laboroj .... Z. (laboroj **siaj**, ĉar temas pri laboroj de **homo**, subjekto de **ĝui**);
ne ekzistas alia bono por la homo / krom manĝi / kaj trinki / kaj igi sian animon / ĝui plezuron de lia laborado (Biblio) (animon **sian**, ĉar temas pri la laborado de **homo**, dum la subjekto de **ĝui** estas la **animo**).
Kiel oni vidas, ŝajnas, ke ĉiu vorto esprimanta agon kreas ĉirkaŭ si limojn ne transireblajn por la altira forto de la refleksivo: tio efikas nur „inter siaj muroj".

FRATER WIGBERTUS VAN ZON

(Daŭrigota)

## Por Pliprogresintoj.

### SENTENCOJ DE SALOMONO

Por pristudi kaj primeditadi

Ĉapitro XII

(Daŭrigo)

15. La vojo de malsaĝulo estas ĝusta en liaj okuloj;
Nur kiu aŭskultas konsilon, saĝa estas.
16. Malsaĝulo tuj montras sian koleron;
Saĝa estas tiu, kiu ignoras ofendon.
17. Kiu parolas veron, disvastigas justecon;
Sed falsama atestulo, faras trompon [1].
18. Kelkaj nepripense diras vortojn kiel glavojn [2];
Sed la lango de saĝuloj sanigas.
19. Parolo vera restas fortika por ĉiam;
Sed parolo malvera nur por momento.
20. Seniluziiĝo estas la sorto de malbonintenculoj [3];
Sed ĉe la pacigantoj [4] estas ĝojo.
21. Nenio malbona trafos virtulon;
Sed la malvirtuloj estas persekutataj de malfeliĉo.
22. La Eternulo abomenas buŝon mensogeman;
Sed kiu agas laŭ vero, tiu plaĉas al Li.
23. Saĝa homo kaŝas sian scion;
Sed la malsaĝulo ekkrias sian malsaĝecon.
24. La mano de diligentuloj regos;
Sed mano maldiligenta kondukas al sklaveco.
25. Zorgo en la koro de homo ĝin premas;
Amika vorto ĝin ĝojigas.
26. Al la virtulo estas bone [5];
Sed la vojo de malvirtuloj ilin erarigas.
27. Maldiligenta homo ne pretigos al si manĝon;
Sed homo diligenta havos riĉecon.
28. Sur la vojo de virto estas vivo;
La vojo de malvirto kondukas al la morto.

[1]) Maar een valse getuige pleegt bedrog.
[2]) Sommigen laten zich woorden ontvallen als dolkstoten.
[3]) Ontgoocheling is het lot van wie kwaad beramen.
[4]) die heilzame raad geven.
[5]) gaat het goed.

FRATER WIGBERTUS VAN ZON

# *Sanktaj Ansfried kaj Hereswit*

IV.

Ansfried estris siajn graflandojn proksimume dum 25 jaroj, kaj lia regado sendube pruvis kiel saĝa prudento kaj reala virto edukas la plej bonajn estrojn. Lia samtempulo Alpertus priskribis lin jene: „Li estis servisto de la plej alta justeco, ĉiam honesta kaj nekoruptebla. Dum la regnaj kunvenoj oni volonte akceptis liajn saĝajn decidojn kaj justajn leĝojn; li ĉiam prenis kiel ekzemplon la vortojn de Terentius „ne quid nimis" („ne tro"). Ofte li ankaŭ ĉeestis la nepublikajn kunsidojn de la imperiestra konsilantaro, kiam oni intencis decidi pri gravaj aferoj. La imperiestro" — plue diras Alpertus — "lin tre amis, kaj ofte li venigis lin, ĉar la vorto de Ansfried ebligis lin regi la landon en paco."

Krome li faris al si kutimon bonfari je la eklezinlaro. Sincera amikeco kunigis lin kaj Notker, kaj al tiu fama episkopo de Luik Ansfried donacis la graflandon Hoey apud Maas; li mem skribis: „pro respekto je la sankta Virgulino kaj sankta Lambertus kaj pro amo je la episkopo". En Beek novan preĝejon konstruigis Hildewaris laŭ la plano de la romaj bazilikoj; tie la Diservoj estis gvidataj de la ĉefpastro de Taksandrie (poste Beek estis nomata Hilvarenbeek). Iam, vizitinte Beek, Ansfried pligrandigis la bienon de la preĝejo; li donacis Lommel kaj la apudlimajn terposedojn. En Limburg apud Thorn li kaj Hereswit fondis monaĥinejon; Ansfried pligrandigis ĝin per la duonon de la posedaĵoj kiujn li estis ricevinta de imperiestro Otto. Hereswit donacis la heredaĵojn de reĝo Zwentibold kaj kaŭze de tio apartenis al tiu monaĥinejo la bienoj Strijen, Sprundel, Gilsen, Baerle kaj Geertruidenberg. Tiel estiĝis la altnobela ŝtatabatejo de Thorn, kiu havis proprajn regadon kaj juron.

En la daŭro de la jaroj la abatino regis la urbeton Thorn kaj la vilaĝojn Ittervoort, Grathem, Beersel, Elle, Haerle, Baeksem kaj Stamproy, plue la bienojn Ubach apud Rolduc kaj Eijsden apud Vucht, kaj krome vastajn teritoriojn apud Baerle-Nassau, Sprundel, Ginneken, Oosterhout, Rijsbergen, Alfen, Chaam, Etten, Matersem, Bavel kaj Meerle.

La unua abatino ĉi tie estis Benedicta, la filino de la piaj geedzoj, kiuj nur celadis plivastigi la surteran regnon de Dio.

Ankaŭ Hereswit intencis enloĝiĝi en tiu monaĥinejo kaj tie pasigi la lastajn jarojn de sia vivo. Por aranĝi siajn aferojn ŝi iris al la bieno Gillezela (nun Gilze apud Breda), tamen tie ŝi malsaniĝis kaj dum la vojaĝo al Thorn ŝi mortis en la jaro 994-a. Ansfried entombigis ŝin apud la monaĥinejo en Thorn, kie baldaŭ poste Dio okazigis miraklon. La ĉambristino de Hereswit jam multajn jarojn estis malsana pro hidropso. Iam, dum la frupreĝoj je la antaŭvespero de Kristnokto ŝi forlasis la preĝejon por bruligi kandelojn sur la tombo de sia mastrino. Farinte tion ŝi resaniĝis kaj tiel ŝi reiris en la preĝejon. En pli ol unu martirlibroj — i.a. en tiu de nia beata Petrus Canisius — ni vidas ŝian nomon inter la sanktuloj, kaj tiel en la daŭro de la jarcentoj ŝi estis honorata en la abatejo de Thorn.

J. S. JANSEN

(Daŭrigota)

## IMAGA DEBATO

Antaŭ kelkaj tagoj mi surstrate renkontis mian junan, originalan amikon Petron, fervoran propagandanton de ĉiuj freŝaj, sanaj penseroj, iam en homa intelekto naskitaj. Ĉu mi prezentos lin al vi? Ne imagu severan veteranon, senhumuran grizulon. Kun hoka nazo el la epoko de Charles Dickens! Ho ne! Mia kunulo personigas la graskorpan afablecon mem. Glata kranio, ĉarma nazo kun delikataj okulvitroj ornamas lian vizaĝon, kvankam post tiu ĉi fasado ankoraŭ kaŝiĝas eĉ pli grandaj talentoj kaj kvalitoj. Nur unu donacon li malhavas: la katolikismon.

Kiel ĝentila gastiganto mi proponis al li, kuniri kun mi al mia hejmo, por ke ni babilu pri ĉio, kio interesas denaskajn esperantistojn. Li tuj konsentis mian kaŝan inviton, kaj post kelkaj momentoj ni ambaŭ sidis en konvenaj foteloj, kaj ĝuis niajn cigaredojn en ĉarma ripozo.

Ne longe mia amiko silentis. Li ne povis silenti, ĉar jam kelkajn fojojn li atente rigardis mian mienon, kaj antaŭsentis mian timemon. Finfine li malicete komencis.

„Antaŭ nelonge mi aŭdis, ke via movado ne tre prosperas. Ĉu vi scias ion pri tiu stranga afero?"

„Jes, bedaŭrinde mi devas vin pravigi. Sed vi ne pensu, ke mi apartenas al la pesimista kategorio. Mi tute ne senesperas, kaj plene konscias, ke la lasta mondmilito frakasis multajn idealojn

de feliĉamaj junuloj. Pro tio ankaŭ la pra-esperantismo tute malaperis. Plue, en la postmilitaj jaroj ni pensis tro neefektive, tro fabeleme, pri la rekonstruo de novaj popolrilatoj kaj -ligiloj. Malgraŭ ĉiaj klopodoj ĉiam pli evidentiĝas, ke nia epoko postulas nur virojn kaj virinojn de speciala batalemo kaj spirita konkeremo; ĉiutage tamen ni devas rekoni kaj sperti, ke ni ne apartenas al tiuj maloftaj talentoj. Tiu ĉi riproĉa konfeso puŝas nin ĉiam pli profunden en la marĉojn de nia malluma pesimismo. Nia movado malsanas pro du katolikaj antaŭjuĝoj, kiuj tute ne apartenas al la doktrino de la katolikismo: **sektarismo** kaj **liberal-katolikismo.** La **sektarismo** realigas, ke ni **ne ekspozias en katolikaj rondoj,** kaj por tiu ĉi celo **ne praktike kunlaboras** kun aliaj esperanto-grupoj. La **liberal-katolikismo** rakontas al ni la fabelon, ke nur religiaj artikoloj katolikigas nian organon; tial ni ankaŭ ne klopodas doni al nia organo tian enhavon, ke ankaŭ nekatolikoj volonte legas ĝin. Malgraŭ ĉio ĉi ni posedas tre riĉajn trezorojn en nia katolika kulturo. Sed kial ni ne elportas ilin? Kiu diablo incitas nin? Ĉu nia vivkoncepto eble tiom strangas aŭ idiotas?"

„Francisko, vi ne sufiĉe komprenas, ke ĝenerale katolikoj tradiciemas. Unuflanke tio plifirmigis vian eklezion meze de la torentoj de modernaj doktrinoj kaj -ismoj. Kiom da ili ja supervivis tri generaciojn? Vere, mi certe ne entuziasmas pri la protestantismo, socialismo aŭ liberalismo, kaj kiom da ĝiaj anoj ne entuziasmas kun mi? Aliflanke tamen pro via vivcerteco vi ĉiuj vivas tro kviete, tro seninteresiĝe. Sed tio havas malavantaĝojn por vi."

„Vi pravas, kara amiko, sed vi ne forgesu, ke serĉado sen trovado estas multe pli malavantaĝa por vi."

„Certe, sed pro tio mi ĉiam envias vin. Sed pardonu mian subitan foriron, kara amiko, la dekunua horo sonis. Salutu viajn klubanojn, kaj: ĝis revido!"

Nia interparolo finiĝis. F. WINKEL

## ESPERANTO-EXAMENS

Den Haag, 18 Juni 1949

Aangemeld voor examen B één candidaat, opgekomen één, geslaagd nul.

Aangemeld voor examen A drie en dertig candidaten, opgekomen een en dertig, geslaagd twintig, de dames M. v. d. Linden, Arnhem; W. Busink en M. H. A. Verwaart, Dordrecht; P. W. M. v. d. Heuvel, Mierlo-Hout; J. G. P. Elshove, Loosduinen; P. B. Sla, Velp; H. P. Sannen, Voorburg en de heren J. P. W. Bakkum, H. A. Hulskamp en E. Ruijter, Alkmaar; P. Klaver, Castricum; C. B. v. Geel, H. F. Leverdingen, M. D. Nieuwenhuis, A. Renooy en H. v. d. Zee, Den Haag; A. F. Frek, Enschede; J. C. Postema, Hilversum; J. H. Bakkum, Limmen en G. J. Sannen, Voorburg.

## AFDELING HEILOO

15 Juni is te Heiloo opgericht een nieuwe afdeling van Nederlanda Katoliko, genaamd Sankta Willibrordo, met negen leden. De heer L. G. C. de Jong was aanwezig en sprak over „De eigen taak van de katholieke Esperanto-beweging". Ook de weleerwaarde heer Kapelaan J. A. J. Adank sprak een woordje en zegde zijn medewerking toe.
De bestuursverkiezing gaf de navolgende uitslag: voorzitter-secretaris de heer Jac. Wassenaar, Zevenhuizerlaan 23, Heiloo; penningmeester de heer A. Bellekam, v. Doornstraat 14, Heiloo. De eerwaarde Broeder Ferdinand van de Sint Willibrordusstichting werd met algemene stemmen benoemd tot erelid der afdeling.
De Tokkelaars uit Alkmaar zorgden op prima wijze voor de muzikale omlijsting.

SECRETARIS

## ŜAKO

Sub gvidado de la Esperanto-fako de I.C.A. (International Chess Association) nun okazas korespondŝakolimpiado, al kiu partoprenas 2 grupoj po 5 landaj teamoj. Dro V. Faigl, la gvidanto, planas en Septembro proksima aldoni ankoraŭ unu grupon. Aliĝojn kun aldono pri la ludforto volonte akceptos antaŭ la 20-a de Aŭgusto la peranto: s-ro J. B. A. Bouman, Marco Polostraat 177[1], Amsterdam-W.